2ª jaro - Nº 1 (8) (Publication mensuelle) Januaro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Feliĉan Novan Jaron!

« Ĉio en la mondo statas kiel eble plej bone. »

LEIBNITZ.




Ĉu katastrof'? Minac' de Mars'?
Hi-hi! Ha-ha! Nur klaŭna fars'!
Ni scias, ke el nigra bomb'
Eksplodos fine... pac-kolomb'!




# Hajl', hajl' !

Inter la stranguloj, kiujn oni prave povas konsideri kiel Esperantistojn, ekzistas du specoj (la aliajn ni ignoru !) :

Tiuj, kiuj eldonas gazetojn,
Tiuj, kiuj abonas gazetojn.

La unuaj estas multe pli multnombraj ol la duaj. — Jam de dekoj da jaroj la unuaj asertas, ke aperas tro da gazetoj, dum la duaj pretendas, ke ankoraŭ mankas *la* gazeto, kiun ili atendas.

☆☆☆

Ploroj kaj ĝemoj ĉe la franca societo Esperanta. Post morto de ĝia oficiala « La Movado », la estraro faris kuraĝan paŝon : Ĝi eldonas sian propran gazeton « Franca Esperantisto », — kuraĝa paŝo, ĉar por vivigi tiun organon necesas mobilizi multe da mono. Kaj — kiel diras S-ro Warnier — estas pli facile ricevi de Esperantisto lian nomon ol lian monon.

Sed intertempe la S. F. P. E. faris taktikan eraron. Konstatinte, ke en Francujo aperas tro da gazetoj, ĝi komisiis S-ron Georges Avril prizorgi unuecigon de nia gazetaro. Konsekvence aperos baldaŭ nova periodaĵo : « Nia Gazeto », pri kiu nia bona amiko Grenkamp komunikis al ni : « Ĝi estos grandformata, 4-kolona, 8-paĝa, internacia, ĉiumonata. Direktoro : Georges Avril, — Ĉefredaktoro : Mi. »

Ploroj kaj ĝemoj ĉe la franca societo, kiu timas eblan konkurencon. Saman senton maskos la kutimaj bonvensalutoj, kiuj aperos baldaŭ en ĉiuj internaciaj gazetoj. — Niaflanke ni povas paroli tiom pli libere,

ke nia Pirato ne estas gazeto, sed nur ŝipo, kaj ni opinias: ĝis nun mankis internacia gazeto ĉiumonata, kiu estas vere 4-kolona. Kaj, kun homoj kiaj S-ro Georges Avril kaj S-ro Mi, ni vetas, ke tio ne estos la sola originaleco de « Nia Gazeto ». Tial ni krias senhipokrite: Koran bonvenon!

La deĵoranta Pirato.

---

*TORTURISMO*

# GRAVEGA KOMUNIKAĴO

Aperis lastatempe en diversaj gazetoj tre interesa raporto pri eksterordinare interesa kunveno, kiun eĉ nia neŝercema « Esperanto » (Ĝenevo) publikigis en sia decembra numero sub la rubriko « *TURISMO* ».

Ĉar tiu ĉi informo povas ne nur revigligi la entuziasmon de nia elita legantaro, sed ankaŭ rekompenci ĝisnunajn vanajn klopodojn aŭ kompensi hazardajn malsukcesojn, ni kopiis tiun informon proksimume fidele, aŭ preskaŭ.

« Esperanto-Klubo en Wien aranĝis 9. XI. 33 tre bone vizitatan lumbild-paroladon de reg. del. *) prof. d-ro Leo Holzer pri " Laplando, Urugvajo kaj Massachusetts ". La paroladadanto substrekis la valoron de Esperanto en la turisma varbado kaj menciis siajn diversajn varbvojaĝojn subtenitajn de ŝtataj, ekleziaj, filatelistaj, bilard-amatoraj kaj aliaj aŭtoritatoj. Ĉeestis :

por fianĉministeria ĉefhelpsekretario d-ro Oskar Böhm: emerita stud. med. kaj jur. Ludwig Garaus kun sia kuzino;

por konstruministredzino Olga Frei: supera poŝtleterkestestro Gustav Schiele;

por inflaciministro Rich. Geldsack: urba kaj ŝtata bankuv-inspektoro Arthur Abendblatt;

por la ĉefestrarestro de l' svisa marŝiparo, admiralo Schiffbrüchli: S-ro Peter Bübli, sakristiisto kaj honora melkisto;

---

*) Regiona delegito (?).

por lia ambasadora moŝto de Urugvajo aŭ Paragvajo, generalo-sur-ĉevalo Quanto Cuesta: landlernejpedelestro reg. kons. d-ro *honoris causa* kaj piedpilkeksĉampiono dumviva Septuagesimus Unsinn;

por la ĉefepiskopo de l' disigitaj eklezioj en Massachusetts, Magnificenco prelato Spiritus Mordax: filmsteledzo s-ro Greta Garbo;

plue:

superĉefkalendarfolideŝiristo Banger nome de la federaciaj fervojoj en Grenlando;

s-ro Max Drauflos, rektoro de la Unuigitaj Noktdancejoj en Tallinn nome de la Piroteknika Trafik-Oficejo en Bagonio;

emerita helikdentisto kortega kons. Kattegatt nome de si mem;

ktp. ktp. ktp. ktp.»



Oni diros, kion oni volos, sed tiaj raportoj ĝojigas eĉ individuojn nesentimentalajn. Kaj, se post tio niaj samideanoj sur la planedo Mars ne frapos aplaŭdsigne siajn postaĵojn dum unu nordpolusa duonnokto kontraŭ la plej proksima kometo, tio pruvos, ke ili havas nek koron nek komprenon. Kompatindaj Marsanoj!

A. B. C. Awful.

## NOVA DIFINO

Esperanto: la juda universala lingvo.

## KAJ ORIGINALA VIDPUNKTO

« Tiel longe, kiel la judo ne estos la estro de l' aliaj popoloj, li devos — pli aŭ malpli volonte — paroli iliajn lingvojn; sed tuj, kiam la aliaj popoloj fariĝus liaj subuloj, ili devus ĉiuj lerni universalan lingvon — ekzemple Esperanton! — tiel, ke ankaŭ per tiu ĉi rimedo la judaro povu pli facile regi ilin. »

Citaĵoj el la libro « Mein Kampf » de Adolf Hitler.

## LETERO EL ANGLUJO

Londono, dum Januaro 1934-a.

Al S-ro H. Rozmarynowski
en Varsovio.

Kara amiko,

Saluton!

Ĉu vi ankoraŭ estas monopolo? Eĉ malgraŭ la krizo?



Lastfoje, kiam mi vidis vin, vi estis en Oxford, ĉe la kongreso. Ĉu vi ankoraŭ posedas tiun mirindan kostumon? Estis ja stranga tiu afero de la kostumo. Vi alvenis en Anglujo kun ideo, ke ĉiuj anglinoj estas malbelaj anasidoj. Sed baldaŭ vi trovis, ke ili estas belulinoj. Vi, do, trinkis iom da «Porter», kaj — akirinte kuraĝon — surmetis la nacian vestaron..... kaj tuj vi estis la ĉefaŭtografisto de la Kongreso.







Sed mi preferas vin en la rolo de Brasset, la solena lakeo en la teatraĵo « Onklino de Ĉarli ». Vi estis pli serioza kaj solena ol la Solena Malfermo mem! — Kial vi ne redaktas la gazeton « Esperanto »?

Kaj nun, supozeble, vi amuzas per via arto la trankvilajn kamparanojn en Przemysl, Lwow, Baranowiczi, Piotrkow, Chotyniez, Dambrowica, k. t. p.




Supozeble, ankaŭ, de tempo al tempo, vi rampas surgenue tra la pola koridoro.




Estu zorgema, ke, ĉe la fino, kelkaj Nazi-partianoj ne Danc-igu vin! Kvankam mi ne dubas, ke vi estas sperta en polko kaj mazurko.

Korajn bondezirojn el Londono sendas via

Wag.

*NIAJ ENKETOJ*

# La mistera bestego de Loch Ness

**La speciala sendito de " La Pirato " sukcesis identigi la monstron !**

Nia elita legantaro eksterdube sekvis ĝis nun kun kreskanta intereso la fabelajn raportojn pri la fantoma besto, kiu malgraŭ ĉiuj persekutoj farsas ankoraŭ sufiĉe bone en la skotlanda lago Loch Ness. Necesis definitive klarigi la situacion kaj mi ekvojaĝis.

Oni povas diri, ke la vagonaro, kiu portis min — dum la Silvestra nokto — al la bordoj de l' fama Loch Ness, estis ĵurnalista karavano. Almenaŭ tricent pli aŭ malpli konataj reprezentantoj de ĉiulandaj gazetoj grupiĝis en la diversaj kupeoj. Tiel mi havis la okazon tre detale observi tiujn plumlaboristojn kaj mi devas konfesi, ke ili estas pli laboremaj ol oni ĝenerale supozas. Preskaŭ ĉiuj estis finintaj sian raporton pri la monstrobesto jam longe antaŭ ol alveni ĉe la lago.

En Loch Ness, ĉarma urbeto ĉe la samnoma lago, ne estis facile trovi loĝejon. Dank' al miaj sonoraj spesmiloj mi ricevis liton ĉe la simpatia ŝuisto Mac Aroni, kiu afable akceptis min per la vortoj : « Hello ! Ĉu vi venas por la lago aŭ por la blago ? » « Por la besto », mi respondis. « Bone », li konsilis, « trinku do kelkajn glasojn da viskio, tio pliakrigos vian vidpovon. »



Kiel granda estis mia mirego, kiam mi renkontis ĉe la lagobordo la plej eminentajn plumistojn de l' Esperanta gazetaro ! — ĉiuj ekipitaj per plej strangaj kaptiloj... Jen estis Kalocsay, kiu reprezentis Literaturan Mondon. Li portis paron da gigantaj nasoj,

kies uzmanieron li provis kompreni el dika libro: Par-nasa gvidlibro! — Jen estis José Fernando Berenguer, kiu reprezentis Heroldon. «Kial Teo Jung ne venis mem?» mi informiĝis. «Li luktas nuntempe kontraŭ aliaj monstrobestoj», estis la sfinksa respondo. — Jen estis alia Jozefo: Yamato Masaharu, kiu reprezentis Oomoton. Li venis inkognite por «observi la aspekton de la universo kaj konsideri, ke ĝi respegulas la korpon de Dio.» — Jen estis Bulthuis, kiu reprezentis diversajn holandajn gazetojn. Li fanfaronis: «Se la besto aperos, mi tuj endormigos ĝin; poste oni kaptos ĝin senpene.» — «Jes, sed kiamaniere endormigi?» oni scivolis. — «Mi legos unu ĉapitron el miaj romanoj.» Efektive, sed necesis pensi pri tio. — Jen estis Tiberio Morariu, kiu reprezentis La Praktikon. Li fervore kolektis konkojn ĉe la lagobordo, el kiuj li kunligis grandegan reton. «Kion vi celas?» mi stulte demandis. — Kaj li klarigis, afable kiel ĉiam: « Tian abstraktan beston ni povos kapti nur per... konkreto!!» — Jen estis Grenkamp, kiu havis la plej malfacilan taskon: Li reprezentis sin mem. Kaj nepetite li oratoris: «Mi kunportis tutan liston da strangaj nomoj, kiujn mi uzis en mia verko «5.000.000» kaj kiuj ĝis hodiaŭ ne havis alian utilecon ol mirigi la filistrojn. Ksenono, krasulaco, kondilomo, krizoforio, kontravalaciado, ktp. Eble unu aŭ la alia taŭgos por baptonomi la beston. Koncerne «5.000.000» la recenzisto de la gazeto Esperanto diris: «...liaj rakontoj estas vere amuzaj, kun lerta komiko, neatenditaj renkontoj, spritaj aludoj...»

En tiu ĉi momento — feliĉe — la anglaj ĵurnalistoj, ĉiam pli bonŝancaj ol ni, sukcesis kapti... paŝtisteton, kies praavo havis parencon, kiu iam vidis la beston. De ĉiuj flankoj oni alkuris kaj la knabo parolis: «Ĝi havas ĉevalkapon, kiu tre similas al tiu de elefanto. De l' krokodilo ĝi havas la larmojn kaj de l' fiŝoj la krurojn. Sur la dorso ĝi portas dek-kvin-kvar ĝibojn,

kiuj aspektas kiel fromaĝkloŝoj kaj kiuj faras — dum nigra nokto — strangajn sonojn... »

« Aŭskultu, aŭskultu! » tiam alarmis nia amiko Morariu, « jen ĝibsono! » — Sed estis nur iu sinjoro Ĝibson, kompreneble anglo, kiu oscedis...

« Permesu », Lord W. C. Littlejohn prenis la parolon, « laŭ ĉio, kion vi diris, sinjoro paŝtisto, mi pensas, ke la monstrobesto nomiĝas *bopatrinus naŭzigeum...»*

« Kia eroro, lardo, — eh, pardonu, kia eraro, lordo! » nun kontraŭdiris Oxforda profesoro, « la *bopatrinus naŭzigeum* apartenas al la speco de l' soluloj, dum fidindaj atestantoj asertas, ke la monstro ne estas sola. Ĝi havas kunulinon. Mi emas opinii, ke temas ĉi tie pri praparo da prahistoriaj uroj... »

Neeviteble nia amiko Morariu kaptis la bonan okazon: « Vi estas prava, profesoro, temas pri uro kaj urino! »

Por eliri el la malaproba silento, kiun tiu vortludo rezultigis, mi intermiksiĝis en la diskuton kaj diris, parolante per la buŝo: « Sinjoroj, se mi ĝuste komprenas, la besto aperis dum nur mallonga tempo, faris multege da bruo kaj subite por ĉiam malaperis. Laŭ tiuj ĉi karakterizoj dubo ne plu estas ebla kaj ni povas rajte konkludi... (« ludi per konkoj », Morariu interrompis...) ni povas rajte konkludi, ke la besto nomiĝas UFE! »

Kaj unuanime ĉiuj konsentis, ke estas pli saĝe ne plu okupiĝi pri la monstrobesto de Loch Ness.

JULES LARIBOIS.



# Malsaĝa promeso

*Ĝis la 14-a de januaro la stratvendistoj kaj etbutikistoj rajtis libere kreski sur la Parizaj bulvardoj okaze de Kristnasko kaj Novjaro. Kaj tiun ĉi fojon mi vidis novaĵon: Inter la standoj, unuflanke, de universitata profesoro, kiu vendis patentitan kalkuracilon « Odebinn » kaj, aliflanke, de fama inventisto, kiu vendis specialan kaptilon por « kapti la okazon », mi rimarkis Esperantan barakon. He, he, — kion oni vendas ĉi tie? Mi alproksimiĝis kaj aŭdis :*

« Sinjorinoj, sinjoroj, — mi ne venis ĉi tien por ŝteli vian tempon, nek por ekspluati viajn pasiojn, sed por diri al vi : Vi povas per vagonaro, per ŝipo, per aviadilo vojaĝi tra la mondo, jes, — sed ĉie, ĉie, vi troviĝos pli sola ol en ova ŝelo, se vi ne parolas la internacian lingvon ! Tial, gesinjoroj, mi metas je via dispono la universalan aparaton. Ho, estu trankvilaj, mi ne parolos al vi pri la prasistemo Volupik, kiu fiaskis, nek pri Idioto, kiu glore meritas sian nomon, nek pri Akcidental aŭ Brasik-English, — kaj nur ruĝiĝante pro honto mi kuraĝus mencii « Latrino sine frictione », ne ! Ne, gesinjoroj ! Vi estas modernaj homoj, — al vi mi proponas la ŝlosilon de l' mondo: Esperanton! Jen, vi kunportos Ĉefeĉan ŝlosilon kun la uzmaniero, membrokarton de UEA kun 6 servokuponoj, la kompletan adresaron de l' delegitoj, diplomon de l' Ĉe-Instituto kaj poŝtkarton el Liĥtenstejn, — krom tio mi aldonas donace poemaron de Julio Baghy, fotografaĵon de Kola Ajayi, aliĝilon al AELA kun glosaro, tri sardelskatolojn, la benon de Ferrari, geedziĝpromeson de Persika korespondemulino el Issy-les-Moulineaux kaj butontruan insignon el marcipano. La tuto por tri frankoj kvindek ! ! ! — Kiel, gesinjoroj, vi hezitas ? Neniu moviĝas ? — Jes, vi estas pravaj kaj... inteligentaj ! Efektive, mi forgesis aldoni abonon al La Pirato. Jen, vi havas ĝin ! — Ah, ah, gesinjoroj, laŭvice, unu post la alia, — ne puŝu, ne puŝu, ne pu... helpon, helpon ! — Elĉerpita, elĉerpita ! ! »

Sala Fumal.

*La leĝo pri steriligo ekfunkciis en Germanujo la 1-an de Januaro. Tiun tagon la kristana mondo rememoras la feston de l' Cirkumcido.*
*Ĉu simbolo aŭ nur koincido?*



*LA PIRATO per tio ĉi deklaras plej solene, ke ĝi neniam ricevis monsubtenon de S-ro Stavisky.*




*Sub tiu ĉi rubriko ni publikigas laŭ la okazo la plej... nu, ni restu inter la limoj de l' ĝentileco kaj diru... la plej «rimarkindan» literaturaĵon de l' lasta tempo.*

*Hodiaŭ ni havas la honoron ĉerpi el « La Interligilo de l' P. T. T. » (decembro 1933):*

LIGAJ INFANOJ

« ...Havu ni, ligajn infanojn.
Almenaŭ unu pojare.
Varbu.

Ne bezone vin konsili pri unuaj eklogaj fortentoj: la juvelo multflanke brilanta el niaj realigoj sufiĉe altirpova estas.

Netrafe estas antaŭskribi al vi la magiajn flustrojn, kiujn vi ektrovos kaj mallaŭte konfesos pasie, vin alproksimiĝante.»

*Provu, « vin alproksimiĝante », kompreni la sencon de tiuj magiaj flustroj kaj eklogaj fortentoj. Ni ne sukcesis, malgraŭ helpo de kombilo kaj kafmuelilo.*

*Sed aŭskultu!*

« Nedece estas ritme kanti la senpekan pekon, kiu enfluigas la frenezan fajron de nia plej alta idealismo. »

*Oni atingas preskaŭ la saman potencan efekton per la sekvanta frazo: « Ĉevalvosto sur kameno tintas pli abrupte ol kalsonvestita sapveziko ĉe banka giĉeto. »*

*Kaj plue:*

« Netime estas al vi la ĉiam dolorigaj mokekbatoj, kritikundoj, kiujn naskoto senkonscie faras, forlasonte la dolĉan, senagan, senscian lokon. Neutile estas priskribi al vi la neprajn atentojn, kiujn vi havos en la kurso-nestoj, por ke viaj suĉinfanoj ne malvarmumus, ĉar vi sperte scias, kiom da mortoj okazas en tiu fruaĝo.

Ne lasu tute sola tiun, kiu ne plu havas gepatrojn; aŭ kiu tute certe, pro kuriozo alvenis en mondon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ĉiu entenas kaŝitan povecon, kiu aperas nur, kiel elektrofluo, tiam, kiam man' en manon oni ekfaras ligan ĉenon...

PETRO FILLIATRE. »



*Nia amiko Petro Filliâtre estas plenplena de laŭdindaj intencoj kaj faras utilan laboron, kiam li... ne verkas en Esperanto.*




« Brrr... estas malvarme! »

« Ĉu? — La polico devus monpuni tiujn farsulojn, kiuj afiŝas termometrojn por kredigi, ke estas malvarme.

# La sistemo de D-ro Privat

Nia eminenta gvidanto Edmond Privat, kies sobraj artikoloj entenas ĝenerale pli da eterna vero kaj da fortika saĝo ol la soldatoj de S-ro La Palice kapablus elkovi*), ĵus konfidencis al la rozkolora papero de la speciala novembro-numero de « Esperanto » bonegan ideon, tute originalan. — Nun ni fiere esperas, ke baldaŭ regos kortuŝa paco sur la tero, nun la homaro estos ŝafmilda familio, kaj ĉiu frat' komprenos sian fraton, se oni adoptos la sistemon de D-ro Privat. Sed aŭskultu, kion diris nia eminenta gvidanto! Jen:

« Se ĉiu povus meti sin momente en la ĉemizon de l'alia, multaj aferoj — nuntempe mallumaj — fariĝus baldaŭ helaj kaj klaraj. »

Sed, sinjoro, nenio malhelpas nin praktike ekprovi la konsilon. « Se ĉiu povus... » — sed ĉiu povas. Kiu ĉarma persono deziras interŝanĝi kun mi? Kaj vivu I. Ĉ. K., la Internacia Ĉemiz-Konkordo!

Se du modernaj homoj malpacas, ili ne plu duelas, ne plu reciprokas kuglojn, ho malnova modo! — sed, pli saĝe, ĉiu metas sin momente en la ĉemizon de l'alia.

Estontece, anstataŭ militiri unuj kontraŭ la aliaj, la germanaj fratoj sendos al la franca armeo povagone brunajn ĉemizojn, kaj reciproke la franca armeo donacos la siajn, malpli brunajn, supozeble.

Kaj la progres' de l' civilizo
Dependos sole de ĉemizo...

Tion, cetere, konfirmas ĉiuj, kiuj vojaĝis tra la mondo kaj studis la popolojn, kiuj vidis la centrafrikajn negrojn manĝi sin reciproke. Kaj nun ni komprenas la kialon de tia sovaĝa barbareco. La negroj ne havas ĉemizojn! Kaj tial, ĉe ili, multaj aferoj — nuntempe mallumaj — restas malhelaj. Fatale!



*) Al tiuj soldatoj ni dankas la faman kanton:

« Unu kvaronhoron antaŭ sia morto
Li vivis ankoraŭ... »

Kvin minutojn antaŭ finpreso de tiu ĉi numero ni ricevis la ĝojigan novaĵon, ke diverslandaj registaroj fine adoptis la sistemon de D-ro Privat. Iliaj delegitoj renkontiĝis dum intima kunveno kaj post interŝanĝo de l' ĉemizoj ili rapide likvidis la plej dornajn problemojn.

Se nia fidela kunlaboranto, Ludovic Rodo, kiu fotografis la scenon, ne trompas nin, ŝajnas, ke ĉeestis ankaŭ delegitino. Sed eble ni eraras.



Du minutojn antaŭ finpreso ni ekscias, ke oni organizas monkolekton inter la Esperantistaro por aĉeti al D-ro Privat, la inventisto de l' samnoma sistemo, silkan honorĉemizon. Se tio ne estas blago, ni volonte kontribuos nian obolon.

CONDORCET.

# La bela skandalo

De diversaj flankoj oni petis de ni klarigojn pri la Stavisky-skandalo, kiu nuntempe malbonodoras tra Francujo, kvazaŭ ni estus la aŭtoroj *). Ĉu do ekzistas ankoraŭ unu naivulo, kiu ne komprenis?

Sekvu bone: Stavisky, kiu nomiĝis Saŝa Aleksandro Niemen, naskiĝis en 1886 en Rusujo. Se li hodiaŭ ankoraŭ vivus, li havus 37 jarojn kaj nomiĝus Dupont. La lumon de l' mondo li ekvidis en Venezzia. Dumvive li havis profundajn konojn pri financarto kaj kulturis kun ĝusta kompreno la sciencon de l' monpreno. Sed tiuj konoj kaj scienco neniam sufiĉis por fari konsciencon. Krome li estis eminenta piroteknikisto, kiu majstris la teknikon de l' pirrikolto. Lia principo estis: « Tiom da kasteloj, kiom da kasŝteloj. » Li havis multegajn kastelojn kaj malgraŭ sia riĉeco li estis tre malavara. Li donacis al siaj konatoj multege da mono, sed prenis ankoraŭ multe pli de siaj nekonatoj, tiel, ke — per saldo — li gajnis. Li posedis ankaŭ faman ĉevalstalon, sed «Rita Georg» estas la nomo de aktorino. Persisteme (nun oni konas la sistemon) li grimpis ĉiam pli alten, kiel senlaca montiranto (ne mont-iranto, sed mon-tiranto!) Li kreis teatrojn, gazetojn, hotelojn, akciajn societojn kaj ministrojn. Kiu oron donas, ordonas. — En la plej luksaj mondumaj salonoj li estis dorlotita gasto. Sed la luksaj salonestroj, kvankam ili havas mem oron, ne havas memoron. Ĉiuj personoj, kiuj konis lin intime, ne konas lin. Sekve de kio Stavisky estis mem mortigita en Chamonix.

Ĉio tio estas klara kiel pipsuko, ĉu ne?

ALE BEN TARIP.

---

*) Ni pardonu al la juneco de Ale Ben Tarip tiun ĉi senc-misformigan frazkonstruon! — (RED.)

---

## Al kelkaj verkistoj kaj eldonistoj!

Ni jam diris, ke « La Pirato » ne publikigas recenzojn kaj tamen ni ricevis lastatempe diversajn verkojn por recenzo. Fari recenzon estus por ni plezuro kaj agrabla tasko (aliajn taskojn ni malakceptas) nur, se ni povus senkompate buĉadi. Tial, kiam ni silentas, konsideru, ke via verko multe plaĉis al ni. Ni mem bedaŭras tion.




**La moviĝanta domo.** — « La Domo de Esperanto » nomiĝas utila, ĉefe propaganda institucio en Parizo. Kvankam konstruita el tiel nomataj «brikoj», ĝi estas facile transportebla. Komence ĝi staris ĉe bulvardo Pasteur, poste ĉe strato St-Victor. Nun S-ro Rousseau, la domestro, kunportis la domon en sian hejmon, en Bécon-les-Bruyères, kie li preparis por ĝi specialan ĉambron. Maliculoj pretendas, ke ĝi povus komforte lokiĝi en tirkeston.

**Difinoj.** — « Ĉiu inteligenta Esperantisto aliĝas al AELA. » Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj. Tiuj kvar literoj jam laborigis la mensojn de niaj samideanoj. Bona amiko, kiu multe vojaĝis, kolektis la sekvantajn interpretojn en diversaj landoj :

Aĉeti En Libro Aflikton.
Arto Eldoni Librojn Amase.
Antaŭaj Enspezoj de Libro-Agento.
Al Esperanta Lingva Anarĥio.
Abomeninde Ekspluati Lojalan Amikon.
Aboni, — Librojn Elekti, — Atendi.

Se tiu ĉi ludo vin amuzas, vi povas daŭrigi.

**Ĉu hispana etiketo ?** — Nia bona amiko Jean Forge estas aŭtoro de famaj romanoj, sed lia plej brua verko estis... Kola Ajayi, negra samideano, kiun Jean Forge malkovris kaj inaŭguris kiel propagandilon. En diversaj landoj Kola Ajayi organizis brilajn prelegojn pri sia hejmlando. Aperis laŭdaj artikoloj en ĉiuj gazetoj... ĝis kiam, en Logatec (Jugosl.), nia simpatia Kola forgesis redoni lumbildaparaton pruntedonitan de loka societo. Li foriris ne postlasante sian adreson. Kaj nun la Esp.-Klubo de Logatec petegas : « Se vi renkontos S-ron Kola Ajayi, bonvolu tuj informi nin. » — Malfacila tasko, — ĉar ni pensas, ke de nun nia negra samideano vojaĝos inkognite.

**Reputacio.** — K. R. C. Sturmer estas eble la sola Esp. verkisto, kiu tuŝis, kun takto, la malfacilajn problemojn de l'samseksamo. Tiuj, kiuj konas lin nur laŭ liaj verkoj, ofte juĝas, ke la aŭtoro ĉerpis siajn precizajn sciojn el kondaminda praktiko. Sed tiuj, kiuj konas nian amikon persone, havas alian opinion. Tre ĝuste W. H. Matthews resumis la situacion, kiam li deklaris al nia sendanĝera amiko : « Vi estas ŝafo en lupa vesto ! »

**Ĉu novaĵo ?** — La « Politika Sociala Revuo » devus laŭprograme aperi kvarfoje ĉiujare. Ĝis nun, antaŭ pli ol ses monatoj, aperis nur unu numero. Personoj bone informitaj asertas, ke la revuo estas « kvaronperioda ». Sed ĉu tio estas novaĵo en Esperantujo ?

☆

# "INTER NI"

*Al sennombre multaj*, kiuj sendis al ni sincerajn kaj ĝuste afrankitajn bondezirojn pro Kristnasko aŭ Novjaro (pri kio ni cetere neniel kulpas), ni tre kore dankas reciprokante. Se ni dezirus respondi al ĉiu aparte, tio kostus almenaŭ 12,— fr. da poŝtmarkoj. Ni preferas bonuzi tiun sumon pli profite por vi kaj por ni. « Je via sano ! »

*Korekto* : Tute senbrue enŝoviĝis bedaŭrinda eraro en nian decembran numeron. Sur paĝo 101, 1-a linio, bonvolu legi anstataŭ « 153.472 presliterojn... » ĝuste « 153.476... » — Niaj sagacaj legantoj verŝajne jam korektis mem.

*Protesto* : En la sama numero, sur paĝo 105 ni diris, ke nia amiko E. Kilian verkis sian desegnon per la dekstra piedo. Ĵus ni ricevis telegramon, per kiu nia amiko sonore protestas. Li estas denaskiĝa « maldekstrpiedulo ». Oni pardonu nian misinformon.

*Al niaj USSR'aj samideanoj*, kiuj ne rajtas eksporti kopekojn, ni sciigas, ke ili povas pagi sian abonon sendante al ni kaviaron aŭ traktorojn.

*Nia amiko J. Nels* insistas, por ke ni publikigu publike, ke li havas nenion komunan kun la monstro-besto de Loch-Nels. Per tio ĉi ni volonte plenumas lian peton, sed ni akceptas neniun respondecon koncerne la ekzaktecon de tiu ĉi informo.

*Atentu ! Atentu !* — Kelkaj tro fervoraj amikoj, kies abonoj validas ĝis proksima majo inkl., ŝajne forgesis tion kaj jam repagis « por 1934 ». Ni ja estas piratoj, sed honestaj piratoj. Konsekvence, tiaj abonoj estas plilongigitaj ĝis majo 1935.



Pro informoj nekompletaj koncerne nian abontarifon, publikigitaj lasttempe en diversaj gazetoj, kelkaj personoj sendis al ni 15,— fr. por unujara abono, kvankam ili loĝas en landoj, al kiuj aplikiĝas la rabata tarifo de 12,— fr. Konsekvence, tiuj ĉi abonoj validos ĝis marto 1935 inkl.



Ni ĝenerale indikas la monaton, ĝis kiu inkl. validas via abono, sur la banderolo, dekstre de via adreso. Se tiurilate vi konstatas malĝustaĵon, bonvolu fulmtondre protesti ĉe Solsona ! — Dankon !

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala
Galleria Vittorio Emanuele N. 92
*Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715)
Unu jaro : Lit. 12,50.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc.
142, High Holborn
*London W. C. 1.*

*Polujo :* Librejo N. Szapiro
Nowolipki 8
*Warszawa.*

*Hispanujo :* S. Alberich-Jofrè
Campo, 45
*Barcelona.*
Unu jaro : Pesetoj 6,00.



**Restas nur 104 plenaj kolektoj de LA PIRATO.**